2.ª Ep. AÑO VIX N.º 50 (186) JULIO - AGOSTO 1971

# Boletín

DE LA FEDERACION ESPAÑOLA DE ESPERANTO

# 31ª HISPANA KONGRESO DE ESPERANTO



Albufereta. Kampadejo Bahía

**BOLETIN DE LA FEDERACION ESPAÑOLA DE ESPERANTO**

*Director:*
Domingo Martínez Benavente
*Redacción y Administración:*
Inés Gastón
Paseo Marina Moreno, 35, 4.º, dcha.
ZARAGOZA

*ADRESOJ*

Hispana Esperanto-Federacio:
Prezidanto:
S-ro Angel Figuerola Auque
Str. Víctor de la Serna, 19, 7.º
MADRID-16

Ĝenerala korespondado:
Sekretario:
S-ro Manuel Figuerola Palomo
Str. Víctor de la Serna, 19, 7.º
MADRID-16

Monsendoj:
Kasisto:
Gerardo Flores Martín
Str. Presidente Carmona, 2
MADRID-20
Ĉekkonto: N.º 24.692/10,
Banco Ibérico
Avda. José Antonio, 18
MADRID-14

Sendaĵojn pri statistiko kaj informado al:
S-ro Salvador Aragay
Str. Bassegoda, 40, 3.º, 1.ª
BARCELONA-14

Libroservo kaj Eldona-Fako:
F-ino Inés Gastón
P.º Marina Moreno, 35, 4.º, dcha.
Ĉekkonto: N.º 17917, Banco Bilbao
Coso, 31 ZARAGOZA

Jarkotizo por eksterlando: 120 ptojn.

La enhavo de la artikoloj ĉi tie publikigitaj ne reprezentas la oficialan opinion de H.E.F., escepte en okazo de oficiala komuniko; ĝi ankaŭ ne reprezentas la opinion de la Redaktoro; do, pri la artikoloj respondecas la aŭtoroj mem.

## de Secretaría

Se ruega a los miembros que todavía no hayan devuelto cumplimentada la ficha que recibieron junto con el último número de BOLETIN, que la remitan lo antes posible a Secretaría.

## deziras korespondi

HISPANUJO. — Tarrasa (Barcelona), Pantano 58, S-ro Julio Caballero Ramírez deziras korespondi kun esperantistoj el diversaj landoj.

HUNGARUJO. — Budapest-XI, Novák Gyula 7, S-ro Julio Miŝi, 18-jara, studento deziras korespondi kun hispanaj esperantistoj.

BRAZILO. — Dai/Novacap - Brasília DF, Av. W/3 Quadra 508 altos da BIBA-BO, S-ro Raimundo Francisco de Oliveira 23-jara, studento kaj ŝtata oficisto deziras korespondi kun hispana esperantistino.

DONATIVOS PARA BOLETIN - 1971

| | | |
|---|---|---|
| *Suma anterior* | 2.526 | ptas. |
| Eugenio Herrera (Bilbao) | 150 | » |
| Anónimo | 300 | » |
| Rafael Blanes (Alcoy) | 50 | » |
| *Total* | 3.026 | » |

## PETO DE LA ELDONA FAKO

Ĉiu kongresano bonvolu aĉeti **bulkrajonojn** rememorigajn de la 53ª UK.

Mendu jam:
Afiŝojn de la 31ª H.E.K., 10 ptoj. unuo.
Glumarkojn de la 31ª H.E.K., folieto ses glum., 3 ptoj.
Poŝtkartojn de la 31ª H.E.K., 3 ptoj. unuo.
Kovertojn de la 31ª H.E.K., 4 ptoj. unuo.
Poŝtkartojn de la 56ª U.K., 4 ptoj. unuo.
Glumarkojn de la 56ª U.K., folieto dek glum. 10 ptoj.
Glumarkojn de la 57ª U.K., folieto dek glum. 10 ptoj.
Bulkrajonojn rememorigajn de la 53ª U.K. en Madrid, 10 ptoj. unuo.

# EXCMO. SR. D. CASIMIRO MORCILLO, ARZOBISPO DE MADRID

Con profundo sentimiento recibimos la triste noticia del fallecimiento del Arzobispo de Madrid D. Casimiro Morcillo.

Todavía está viva en nuestro recuerdo la conversación que mantuvimos con él cuando era Arzobispo de Zaragoza, al comunicarle el proyecto de celebrar en la capital aragonesa el 26.° Congreso Internacional de Esperantistas Católicos que había de tener lugar en 1956. Nos escuchó como siempre con su bondad característica y al término de nuestra exposición, con semblante risueño nos dijo: Les voy a dar una sorpresa, en mis años de seminarista aprendí el Esperanto llegando incluso a ser corresponsal de una revista esperantista que se editaba en Austria. Después, mis múltiples ocupaciones me obligaron a dejarlo.

Sin embargo su interés por el Esperanto no decayó y siempre dio su apoyo moral al movimiento esperantista español, tanto a la Asociación Católica como a la Federación. En el Congreso a que hemos hecho referencia fue deseo suyo pronunciar en Esperanto sus palabras de salutación y de bienvenida en la sesión de apertura que él mismo presidió.

Sean para él nuestras oraciones como un homenaje póstumo de nuestro agradecimiento y de nuestro cariño.



El Excmo. Sr. D. Casimiro Morcillo con un grupo de asistentes al 26° Congreso Internacional de Esperantistas Católicos.





La Akademio, post zorga esploro de la demando, oficialigis jenan regulon pri la uzo de la refleksiva pronomo-adjektivo. Ĝi esperas per tio pozitive kontribui al pli granda unueco de la uzado.

## R E G U L O

I. LA REFLEKSIVAJ PRONOMOJ (SERIO SI/SIA) RILATAS NUR LA 3-an PERSONON KAJ RESENDAS AL LA PLEJ PROKSIMA SUBJEKTO, AŬ SINGULARA AU PLURALA. TIU SUBJEKTO NE ĈIAM KOINCIDAS KUN LA GRAMATIKA SUBJEKTO DE LA TUTA FRAZO, ĈAR NOVAN SUBJEKTON POVAS ENKONDUKI (1) INFINITIVO, (2) A-FINAĴA PARTICIPO kaj (3) SUBSTANTIVO DE VERBA DEVENO, KIAM ĜI KLARE ESPRIMAS AGON.

II. FOJE LA VERA SUBJEKTO LASAS SIN VIDI PER ENMETO DE LA VORTOJ "KIU(J) EST—", ekz. APOZICIOJ ADJEKTIVAJ AŬ SUBSTANTIVAJ PROVIZITAJ PER KOMPLEMENTO (ekz. kastelo fama pro sia historio; SED li ekvidis sian fraton Benjamenon, la filon de lia patrino = B., kiu estis [illegible] filo de...).

III. EKZISTAS TRADICIE SANKCIITAJ VORTKUNMETOJ KAJ FRAZEROJ, EN KIUJ LA REFLEKSIVO FUNKCIAS ABSOLUTE, SEN RILATO AL LA AGSUBJEKTO: ekz. SIATEMPE ktp.

IV. NEKONFORMIĜO EN IAJ OKAZOJ, SE EL TIO REZULTAS PLI GRANDA KLARECO, ESTAS TOLERATA.

Tiun regulon valorigas jena ekzemplaro:

## GVIDAJ EKZEMPLOJ

I. — Vi lavas vin kaj li lavas sin.<br>
Ĉiuj homoj akiras por si.<br>
Ŝi estas amata por si, ne por la doto.<br>
Ŝia propra patrino forpelis ŝin de si.<br>
Mia frato diris al Stefano, ke li amas lin pli, ol sin mem.<br>
Mia patrino plendas, ke ŝiaj filinoj faras ĉion por si, nenion por ŝi.<br>
Mi lavis min en mia ĉambro, kaj ŝi lavis sin en sia ĉambro.<br>
La infanoj serĉis sian patrinon.<br>
Ŝi estas amata de siaj instruistinoj.<br>
Li promenis kun sia edzino; li kaj lia edzino promenis.<br>
Ili kondukis la kolegojn en sian loĝejon anstataŭ iri kun ili en ilian.<br>
La patrino diras, ke ŝia filino venos kun sia infano.

(1) La sinjoro ordonis al la servisto vesti lin por la ceremonio.<br>
La sinjoro ordonis al la servisto vesti sin pli dece.<br>
La mizero kutimigis lin levi sin el la lito tre frue.<br>
Jozefo ordonis al siaj servistoj balzami lian patron.<br>
Li invitis la pentriston alporti unu el siaj pentraĵoj.<br>
La reĝo, konsultinte kun la ĉefministro, sendis voki sian kuraciston.

(2) Ŝi ekvidis viron staranta antaŭ ŝi.<br>
Ŝi ekvidis starantan viron antaŭ si.<br>
Li sidiĝis sur la seĝo prezentita al li.<br>
Li portis seĝeton refalditan sur si mem.<br>
Li estos kiel arbo donanta sian frukton en sia tempo.<br>
Li rekompencis la soldatojn batalintajn por lia savo.<br>
La pastro sentis la pekulon tuŝita de liaj admonoj.<br>
La juĝisto opiniis la atestanton influata de siaj antaŭjuĝoj.<br>
Ŝi zorge observis la enportadon de siaj kofroj.

(3) Marta admiris lian fidon al ŝi (Marta).
Marta admiris lian fidon al si.
Ŝi kompleze aŭdis la flatadon de ŝiaj amindumantoj.
Ŝi ribelis kontraŭ la interveno de edzo en ŝiajn aferojn.

II. — Li evitu la trinkaĵojn por li tro acidajn.
Ĉiu konas homojn nur por si indulgajn.
Picasso vizitis muzeon, faman pro liaj pentraĵoj.
Ili vizitis la muzeon, faman pro siaj pentraĵoj.

III. — Moki ies fidon al si mem.
Oni komprenis liajn gestojn per si mem.
Ni ne povas koni la realon en si mem.
Metu ĉion en sian lokon.
En ĉiu kranio estas sia opinio.

---

## *TAGO DE BONA VOLO*

Kiel ĉiujare la junularo el Kimrujo sendis sian mesaĝon de bona volo okaze je la 18-a de majo 1971. Ĉar ĝi alvenis prokraste por publikigo en nia antaŭa numero de BOLETIN, kiam vi legos la mesaĝon, ĝi jam estos disaŭdigita per la radio.

Ni kore dankas al la Junuloj de Kimrujo ilian mesaĝon kaj sincere deziras al ili grandan sukceson en ilia homama laboro.

*50-a ĉiujara Bonvolmesaĝo de la junularo de Kimrujo al la junularo de la mondo, radie disaŭdigita je Bonvoltago, la 18-an de majo 1971.*

Jen Kimrujo! Salutojn de la junularo de Kimrujo al la junularo de la tuta mondo, je Bonvoltago.

Dum la kvindek jaroj, ek de la inaŭguro de la Bonvolmesaĝo, la scienco kaj la teknologio provizis al ni multajn avantaĝojn. Sed kun ili venis ankaŭ multe da maltrankvileco. Hodiaŭ, nia vivmedio povas facile malpuriĝi kaj veneniĝi. Aparta fortostreĉo estas bezonata por konservi la homan vivon kaj sekurigi la vivon de plantoj kaj bestoj. Kaj ne estas tempo por malŝpari!

Sed, ne nur la vivo mem estas minacata. Ankaŭ la lingvoj, kulturoj kaj identecoj de malgrandaj nacioj estas minacataj, kaj la tuta mondo malriĉiĝus, se tiuj perdiĝus. Nacio mem havas la ĉefan devon sekurigi sian heredaĵon. Sed, ĉi tion ĝi povas fari, nur se najbaraj nacioj al ĝi donas la rajton kaj la eblecon.

Ni, la junularo de ĉiuj nacioj, akceptu la postuleman taskon kiu alfrontas nin. Ni insistu, ke nia mondo estu pli pura kaj seninfekta. Ni certigu, ke ĉiu nacio havu sian justajn lokon kaj evolueblecon. Nur per kunlaboro, ni povos forigi maljustecon kaj antaŭenigi fratecon. La morgaŭa heredaĵo dependas de ni, la hodiaŭa junularo.

---

## GEEDZIĜO HERNANDEZ - URUENA

La 12-an de majo, en la preĝejo San Miguel de Valladolid, okazis la geedziĝo de du elstaraj membroj de nia Grupo: F-ino M.ª Rafaela Urueña kaj S-ro Luis Hernández, nuntempe vicsekretario de nia Grupo kaj profesoro de Esperanto.

La simpatia kaj agema paro, bone konata de la hispanaj esperantistoj pro sia laboro favore al la Esperanto-Movado, kaj ĉeesto en multaj kongresoj, okupis plurfoje la ĉefajn postenojn de nia societo.

Dum la XXIIIª Hispana Kongreso de Esperanto, okazinta en Valladolid, M.ª Rafaela estis elektita Fraŭlino ESPERANTO, kaj en la Oratora Konkurso organizita okaze de la XXVIIª Hispana Kongreso en Bilbao, ŝi estis premiita.

Verdire, la tuta familio Urueña apartenas al niaj vicoj, kaj efike helpas la vivon de la societo.

Nia Grupo estis reprezentata de nia estimata prezidanto s-ano Angel Díez kaj edzino, kiuj kune kun pluraj geestraranoj kaj membroj de la Grupo, emocie ĉeestis la meson kaj edziĝan ceremonion.

La bankedo okazis en centra kaj luksa restoracio; dum ĝi oni gaje tostis por la feliĉo de la nova paro.

Jam estas tri la esperantistaj paroj, kiuj formiĝis en nia Grupo. Antaŭ kelkaj monatoj estis M.ª José Zalama kaj Francisco Castañón, kiuj ligis siajn vivojn...

Kiuj sekvos nun?

Por la nova paro kaj ties familioj nian koran gratulon!!!

ĈEESTANTOJ

---

# MERITITA OMAĜO

Pasintan monaton majo, okaze de sia emeritiĝo, nia elstara samideanino, Instruistino Dolores Maymí ricevis la omaĝon de la Patronaro kaj lernantaro de la Lernejo kiun dum jaroj ŝi estris kiel Direktorino.

La solenaĵo okazis en la salono de la Lernejo. Estis vere emocia la interveno de unu el la lernantinoj, kiu nome de la lernantaro dankis al F-ino Maymí ŝiar edukan laboron, kaj donacis al ŝi belan florbukedon. La Patronaro de la Lernejo donacis al F-ino Maymí belan bildon el emajlo.

La Inspektoro pri Edukado, post kelkaj omaĝaj vortoj, donis al F-ino Maymí dokumenton per kiu oni rekonas la grandan kaj efikan laboron de nia omaĝita samideanino.

Ŝi rivecis multajn gratulojn al kiuj ni aldonas la nian plej sinceran.

---

## FLORAJ LUDOJ EN BADALONA

Unu plian fojon nia elstara samideano kaj kara amiko, S-ro Gabriel Mora i Arana el Manresa gajnis la Unuan premion —Naturan Floron— en Literatura Konkurso, ĉifoje en Floraj Ludoj, kiel poeto en kataluna lingvo.

Por ni ne estis miriga fakto ke S-ro Mora estu premiita; ni bone konas lin kiel poeto same en la kataluna kiel en esperanta lingvo, sed ni deziras informi la samideanaron pri lia sukceso kaj samtempe gratuli lin publike.

# FESTO DE MAŬROJ KAJ KRISTANOJ



Estas historia fakto, la malvenko kaj morto de la maŭra estro Al-Azraq antaŭ la muregoj de Alcoy en aprilo 1276, kaj estas tradicio kiu devenas de post la Rekonkero, la ĉiela interveno fare de Sankta Georgo, —la Walí, patrono de la aragona militistaro—, venkante la maŭraron en tiu rimarkinda batalo, oni forĝis la bazon de tiu Festo, kiun oni oferas de antaŭ jarcentoj al la Sankta Patrono Georgo.

La festo de "Maŭroj kaj Kristanoj" de Alcoy estas unu el la plej gravaj inter tiuj okazantaj en hispanaj vilaĝoj. Ĝi estas pompa reprezentado de la faktoj okazintaj en la XIIIa jarcento, al kiuj la tempo donis karakteron de mirakla heroaĵo, kunigante en ĝia kerno la plej purajn esencojn de kolosa "auto sacro".

La memorigaj festoj daŭras tri tagojn; de la ektagiĝo de la unua tago, kiam la kristana serĝento preĝas la "Saluton Maria" kaj hisas la standardon de la Kruco sur la Turo de la simbola Kastelo, ĝis la vesperiĝo de la tria tago, kiam Sankta Georgo aperas sur la kreneloj de la Kastelo kaj okazas la fina venko de la kristanoj, diversaj paradoj kaj defiloj sinsekvas: Impona parado, tiu de la herooj de la Kruco, ĝi estas kiel romanca bildo de la epoko de Jaime la Ia, kiu simbolas la koncentradon de la kristana militistaro por defendi la tiaman "Villa de Alcoy". Ekzotika defilo de la maŭra armeo, vera fantazio de orienta pompo kiu elvokas la maŭran militistaron de la ĉefestro Al-Azraq kiam ĝi sieĝis la urbon.

Geriloj tra diversaj stratoj de la urbo, kurieroj kiuj kunportas mesaĝojn ambaŭflankajn, bataloj... ĉio ĉi konsistigas la rememorigan feston per kiu Alcoy elmontras sian dankon al sia Patrono Sankta Georgo.

---




Unu plian fojon la Oficiala kaj Internacia Specimena Foiro de Barcelona eldonis afiŝon en Esperanto. Ni dankas al la Direkcio de tiu grava Foirkonkurso, ĝian rekonon de la Internacia Lingvo.



# XXXIª HISPANA KONGRESO DE ESPERANTO



Interesaj informoj

Por ĉiuj ekskursoj la aŭtobusoj eliros de antaŭ la Kongresejo. La aŭtobusoj estos senpagaj.

---

Dum la tagoj 20-a, 21-a kaj 22-a, de la 16-a ĝis la 18-a horoj, funkcios poŝta oficejo en la Kongresejo, kun speciala stampilo okaze de la Kongreso.

Informas pri la speciala poŝtstampo, F-ino Conchita Verdú Díez, C/ Benaldo, núm. 13, 4.º-C. Alicante.

---

Proksime al la Kongresejo ekzistas kelkaj restoracioj, kiel "Popeye", "Covadonga", ktp. kie la manĝaĵoj estas bongustaj kaj malmultekostaj. Oni povas tagmanĝi por 50 ptoj.

---

Akceptejo kaj Kongresejo: str. Lorenzo Casanova, 4, Sindikata Domo.

## AL NIAJ DEMANDINTOJ PRI EBLECO KAMPADI EN ALICANTE OKAZE DE LA XXXIª HISPANA KONGRESO DE ESPERANTO

Je 5 km. de Alicante ekzistas du publikaj kampadejoj je 200 m. unu el la alia.

La prezoj por kampadi estas jenaj:

*Kampadejo "Lucentum"*

1) 18 pes. ĉiutage por persono.
2) 16 pes. por la rajto instali tendon.
3) 16 pes. por lasi en ĝi veturilon.

En tiu ĉi kampadejo estas tendoj lueblaj kun loĝebleco por 4 personoj, po 30 pesetoj tage por persono. Kongresanoj ĝuos rabaton da 20 %.

*Kampadejo "Bahía"*

1) 20 pes. ĉiutage por persono.
2) 20 pes. por la rajto instali tendon.
3) 20 pes. por lasi en ĝi veturilon.

En tiu ĉi kampadejo oni ne disponas pri tendoj; ĉiu tedumonto devas kunporti ĝin. Kongresanoj ĝuos rabaton 10 %.

Ĉiu 20 minutoj pasas la buso al Alicante ĝis la 23ª horo. Post tiu horo, taksioj estas ĉiumomente disponeblaj. La prezo de mikrotaksio de Alicante ĝis la tendaro estas po 28 pes. por 3 veturantoj.

La loko estas tre pitoreska kaj oni disponas pri modesta restoracio kaj "Supermercado" kie oni povas manĝi relative malmultekoste.

Loka Kongreso Komitato

---

## HISPANA TURISMA ESPERANTO - SEKCIO

La Hispana Turisma Esperanto-Sekcio de H.E.F. en kunlaboro kun la Delegacio de "Viajes MELIA" en Zaragoza organizas komunan 17-tagan flugvojaĝon al Usono okaze de la 57ª UK en PORTLAND (Oregon), vizitante antaŭ kaj post la Kongreso: New York, Chicago kaj Washington.

Forveturo de Madrid la 26-an de julio. Alveno al Madrid (revene) la 12-an de aŭgusto.

La prezo de la vojaĝo enkalkulas la aviadilan bileton kaj loĝadon en New York, Chicago kaj Washington, en hotelo kategorio 1ª B aŭ 2ª Speciala.

Ni ne inkluziigas la loĝadon en Portland dum la Kongreso, por ke vi mem elektu loĝejon inter la hoteloj kaj Studenta Hejmo rezervitaj de la LKK.

Prezo de la vojaĝo po persono en dulita ĉambro kun banĉambro: 44.573 ptoj.
Prezo de la vojaĝo po persono en unulita ĉambro kun banĉambro: 48.583 ptoj

Pliajn informojn vi povos ricevi de la Turisma Sekcio de Hispana Esperanto Federacio, ĉe Inés Gastón, P.º Marina Moreno, 35, 4.º, Zaragoza - Hispanujo.

## ANGEL PEREZ SAURA

Samideano Angel Pérez Saura, el Valencio, en sia 43a jaro, forpasis la 24-an de pasinta Februaro post mallonga malsano.

Dum la lasta tempo de nia Federacio en Valencio, li estis ĝia sekretario kaj redaktoro de BOLETIN. Li tradukis "Platero y yo" kaj pro sia juneco kaj kapablo li estis multesperiga promeso. Kune kun sia edzino kaj filoj li partoprenis en multaj kongresoj kaj estis tre estimata de la valencia rondo.

Preĝante por lia animo, ni sciigas nian bedaŭron kaj kondolencon al lia afliktita familio.

Ke li ripozu pace!

## AMELIA HERNANDO DE GIL CONTRERAS

La 18-an de majo forpasis en Valladolid pro ŝosea akcidento S-ino Amelia Hernando, edzino de D-ro Gil Contreras, nia kara samideano, estinta Prezidanto de la Grupo "Fido kaj Espero" dum pluraj jaroj.

La geedzoj vojaĝis aŭtobuse al Santiago de Compostela, kaj returne, okazis la katastrofo, kiu atingis ilin: Ŝi mortis, kaj li eniris en hospitalon por kuraci siajn vundojn.

La funebra ceremonio, kiun partoprenis la loka esperantistaro, estis atesto de la respekto kaj simpatio kiun familio Gil Contreras - Hernando ĝuas en Valladolid.

Ŝi pace ripozu!

Por la familio kaj speciale por nia kara amiko D-ro Gil Contreras, al kiu ni deziras baldaŭan resaniĝon, nian plej sinceran kondolencon.

## MARIA MILLAN DE SANCHEZ

La 20-an de majo forpasis pro ŝosea akcidento S-ino María Millán edzino de nia samideano S-ro Alberto Sánchez.

La geedzoj veturis per propra aŭtomobilo de Madrid —kie ili loĝis— al Cheste. Jam tre proksime al tiu urbo okazis la akcidento en kiu S-ino María Millán, kiu kondukis la aŭtomobilon, subite mortis kaj ŝia patrino, kiu akompanis ilin, ankaŭ mortis post du tagojn.

La funebraj ceremonioj kaj enterigoj okazis en Cheste kie la familio Sánchez-Millán ĝuas grandan estimon.

Ili pace ripozu!

Por la familio kaj speciale por nia ŝatata samideano S-ro Alberto Sánchez, al kiu ni deziras baldaŭan resaniĝon, nian plej sinceran kondolencon.

---

Ankaŭ ni esprimas sinceran kondolencon al nia samideano S-ro Rafael Blanes Monllor el Alcoy, pro la subita morto de lia patrino, okazinta la 18-an de majo.

Pacan ripozon al ŝi!



## BILBAO

**Grupo Esperantista de Bilbao. Juntas Generales Ordinaria y Extraordinaria, 1971.**

Como oportunamente se había anunciado a nuestros socios, tuvieron lugar el 27 de abril próximo pasado las Juntas Generales Ordinaria y Extraordinaria de nuestro Grupo, a las que asistieron 54 socios y que trataron el Orden del día señalado.

Después de cumplidos todos los trámites oficiales se pasó a tratar la renovación de cargos para la Junta Directiva, quedando aprobada la siguiente candidatura:

| | |
|---|---|
| Presidente: | D. Ramón de Izaguirre de la Fuente |
| Vicepresidente: | D. Delfín Ronda Sánchez |
| Secretario: | D. José Luis Bringas Tellechea |
| Vicesecretario: | Srta. María Angeles Mielgo Martos |
| Tesorero: | D. Francisco García López |
| Vicetesorero: | Srta. Laura García Ortega |
| Vocal: | D. Luis Sebastián de Otaola y Faón |
| " | D. Luis M.ª de Barandiarán y Sarachaga |
| " | Srta. M.ª del Carmen Navarro Calvo |
| " | D. José Fariñas Rodríguez |
| " | D. Pedro Victorio Benedicto Alvarez |

Tras la invitación de la Junta Directiva a todos los socios para que participen en los próximos Congresos de Alicante y de Londres y la aprobación de dos propuestas a fin de que conste en acta el agradecimiento de la Junta General a D. Pedro de Icaza y Gangoiti por el donativo efectuado al Grupo, y a la Junta Directiva saliente por su labor, se levantó la sesión.

A continuación, se celebró la anunciada Junta General Extraordinaria en la que se aprobó la modificación del artículo 3.º del Reglamento de este Grupo, a fin de actualizarlo con las nuevas cuotas.

---

## CULLERA

**Nova Kurso de Esperanto.**

En la sidejo de "Asociación de Cabezas de Familia de Cullera", str. Generalísimo 20, nia vigla samideano José López Plaza, Delegito de U.E.A. en Cullera organizis Esperanto-kurson. Anoncite per okulfrapaj kaj taŭgaj informiloj, la kurso komenciĝis kun granda nombro da lernantoj kaj sukcese daŭras; gvidas ĝin S-ro López Plaza.

Pri la sukceso de ĉi tiu kurso laŭte parolas la informoj ricevitaj de Cullera. La 30-an de majo komenciĝis perfektiga konversacia kurso de Esperanto; por gvidi tiun kurson, kiu okazas ĉiuj dimanĉoj kaj festotagoj en la sidejo de "Asociación de Cabezas de Familia de Cullera", oni petis kunlaboron al ĉiuj kompetentaj esperantistoj de la Valencia-provinco. Estas invititaj partopreni en tiuj kursoj ĉiuj kapablaj esperantistoj, kiuj vizitos la urbon.

La lernantaro de tiu kurso de Esperanto intencas starigi en la plaĝo de Cullera tendon kun esperantista distingilo, kie estos akceptataj ĉiuj esperantistoj, same landaj kiel eksterlandaj, kiuj parolante la internacian lingvon, deziros viziti tiun belan urbon: Cullera, Bahía de los Naranjos.

## MADRID

**Madrida Esperanto-Liceo**

Kiel kutime en la monato Februaro okazis la ordinara ĝenerala kunsido. Oni traktis pri multaj aferoj, interalie pri la loĝejo, kaj la varbado de lernantoj kaj membroj.

Ankaŭ oni parolis pri la neceso de kunlaborantaj samideanoj. Laste, ni balotis la estraron por la nuna jaro 1971.

| | |
|---|---|
| Prezidanto: | S-ro Gerardo Flores Martín |
| Vicprezidanto: | S-ro Raimundo Ibáñez Crespo |
| Sekretario: | S-ro Joaquín López Herrero |
| Vicsekretario: | S-ro Fernando Rodríguez Granel |
| Kasisto: | S-ro José M.ª González Aboín |
| Librotenisto: | S-ro Feliciano Bermejo Domínguez |
| Voĉdonantoj: | S-ro Juan Calahorra Soler |
| " | S-ro José Martín González |
| " | S-ro José Requena González |
| " | S-ro Angel Aparicio Alonso |

---

*SABADELL*

**Centro de Esperanto Sabadell**



La 23-an de aprilo, —Tago de la Libro—, inter la aranĝoj organizitaj de la Ŝparkaso de Sabadell, okazis libro-ekspozicio. Ĉijare la Centro de Esperanto Sabadell prezentis en tiu ekspozicio standon dediĉitan al la Esperanto-libro, kiu vekis grandan intereson inter la vizitantoj.

Sabaton la 24-an, S-ro Victor George el Britujo, kiu estas gasto de la Grupo, vizitis la standon akompanate de la Prezidanto, Sekretario de la Grupo kaj lernantoj de la internacia lingvo.

Okaze de la restado de nia angla samideano en Sabadell la tieaj esperantistoj organizis kaj efektivigis diversajn ekskursojn; la 1-an de majo, tuttagan ekskurson al la "Junulara Restadejo" kaj viziton al la Monaĥejo de Montserrat; la 2-an, de majo, kolektivan viziton al Barcelona; la 9-an, dimanĉo, duontagan ekskurson al Tarrasa, kie interalie oni vizitis la interesan "Teksa Muzeo Biosca".

# ADIAŬO AL GESINJOROJ CRIACH

La 25-an de aprilo en la aŭditorio de Radio Sabadell okazis esperantista festo omaĝe al Ge-roj Criach pro ilia translokiĝo de Sabadell al Barcelono. Ĉeestis la adiaŭon la samideanoj de Sabadell kaj multaj el la Provinco.

S-ro Llibert Puig, Prezidanto de Centro de Esperanto Sabadell malfermis la feston menciante la signifon de la okazaĵo: Omaĝo kaj adiaŭo al Ge-roj Criach. Li diris, pli omaĝo ol adiaŭo, ĉar Ge-roj Criach loĝos proksime al Sabadell, en Barcelono. Nia adiaŭo estas nur simbola, ĉar ili ĉeestos niajn kunvenojn kaj festojn, ili daŭre aktivos en la esperantista vivo de Sabadell.

"Ge-roj Criach dum kvindek jaroj, en ĉiuj cirkonstancoj, ĉu favoraj, ĉu malfavoraj, persistis fervore kaj entuziasme en sia agado por Esperanto. Ilia hejmo estis la hejmo de ĉiu esperantisto. Tie gastis eksterlandanoj nin vizitantaj, de la plej elstaraj ĝis la plej modestaj, sen ia ajn prefero. Pro tio ilia hejmo estas nomata "Nia Malgranda Kastelo de Grésillon". Ni ĝin perdas kaj tion ni tre bedaŭras; estas grava perdo por ni, ĉar ĝi ne havos anstataŭon. Ge-roj Criach daŭre kunvivos kun ni, sed nia malgranda Grésillon ne daŭros plu."



Sekve S-ro Puig je la nomo de Centro de Esperanto Sabadell donacis al Ge-roj Criach pergamenon kiel omaĝateston, kaj bela knabino oferis al S-ino Criach florbukedon.

Du ĉarmaj knabinoj, lernantinoj de la ĉijara kurso de Esperanto, deklamis poeziaĵon, kiun speciale verkis nia poeto Gabriel Mora Arana je la honoro de la omaĝatoj.

Oni legis multajn gratulajn leterojn kaj telegramojn, la plej granda nombro el eksterlando kaj oni aŭdis eĉ sonbendon el Nederlando, de S-ro J. Ph. Punt kun salutvortoj. El la naciaj gratuloj mi rememoras tiujn de S-ro Molera, kiu pro labordeĵoro ne povis ĉeesti, D-ro Rafael Herrero kaj la lastan saluton, kiun oni legis de D-ro Miguel Sancho Izquierdo.

Post tiu legado, reprezentantoj de grupoj paroladis pri la okazaĵo. La unua kiu okupis la podion estis S-ro Sebastián Chaler, el Tarrasa. Li kiel veterana esperantisto rememorigis la persistan agadon de Ge-roj Criach kaj kiel anekdoton menciis, ke kiam en Tarrasa oni omaĝis lin, geedzoj Criach biciklis de Sa-

badell al Tarrasa por ĉeesti la feston, kvankam ili devis tiel reiri nokte al sia malproksima hejmo. S-ro Chaler donacis al Ge-roj Criach pentraĵon de li verkitan en kiu, velŝipo rekte iras al verda stelo. La stelo estas Norvegujo, kie loĝas iliaj filino, bofilo kaj genepoj. La ŝipo nomiĝas Pepita, la nomo de la filino.

Instruisto Jaime Aragay de Barcelono, bofrato de Ge-roj Criach salutis kiel familiano kaj diris nur kelkajn vortojn, ĉar li konceptis, ke estante familiano de la omaĝatoj ne estas adekvate, ke li laŭdu ilin.

S-ro Miguel Vilagrán nome de Esperanto-Fako de Klubo de Amikoj de UNESCO diris, ke li ne bedaŭras la perdon por la esperantismo de Sabadell pro la foresto de Ge-roj Criach, ĉar tio estas gajno por Barcelono.

La lasta, kiu parolis, F-ino Inés Gastón, menciis, ke kiel denaska esperantistino ŝi devas laŭdi Ge-roj Criach pro ilia filino, denaska esperantistino, kaj ankaŭ al ŝi, ĉar siaj gefiloj naskitaj en Norvegujo estas ankaŭ denaskaj esperantistoj. "Ne ofte okazas, ke geavoj, filino, bofilo kaj genepoj estas esperantistoj. Kia ekzemplo kontraste kun tiuj multaj esperantistoj, kiuj propagandas Esperanton kaj ne sukcesis konvinki sian familion!"

Kiel amuzo por la festo S-ro H. Victor George el Anglujo, gasto de Centro de Esperanto Sabadell, kiu dum la paroladoj sidis kun Ge-roj Criach ĉe la prezidejo, prezentis diapozitivojn pri "Vidindaĵoj en la Okcidenta Parto de Anglujo". Ni vidis lian hejmon ĉe bordo de rivero, verdajn pejzaĵojn, havenojn, strandon el sablo preskaŭ nigra kaj ankaŭ profundajn valojn kaj eĉ erikejojn. Inter la projekcio de pejzaĵoj kaj la lastaj pri vidindaĵoj el Londono ni aŭdis sonbendon kun alvoko de la Londona Loka Komitato de la proksima Kongreso de U.E.A. invitanta al la partopreno.

S-ro Puig fine fermis la feston kun kora adiaŭo al ĉiuj.

Kaj la raportinto ankaŭ finas la raporton gratulante niajn persistemajn kaj batalantajn esperantistojn Ge-roj Criach.

GIORDANO MOYA

---

Kiel epilogo de la festo omaĝe al gesinjoroj Criach, posttagmeze okazis frata esperantista renkontiĝo en la hejmo de niaj omaĝitaj geamikoj.



La gejunuloj sin anoncis per moderna muziko, kiu elirigis la maturulojn sur la terason kie regis gajeco kaj bonahumoro.

De antaŭlonge mi konis gesinjorojn Criach, sed mi neniam estis ĉe ili en Sabadell; nun, mi bone komprenas ke por la tieaj esperantistoj, familio Criach estas kvazaŭ institucio a gastameco de gesinjoroj Criach faris el ilia hejmo, la hejmon por ĉiuj; la esperantisteco regas ilian vivon.

Tiu adiaŭa esperantista renkontiĝo daŭris ĝis la naŭa vespere; dum ĝi la ĉeestantoj estis abunde regalataj de la simpatia paro, al kiu mi denove deziras longan vivon en ilia nova loĝurbo, ankaŭ por la bono de Esperanto.

I. G.

---

# AL SAMIDEANO ANTONI CRIACH I VALLS, OMAĜE

Kiel plej inda kron' de viaj jaroj
gloriĝas pasintec' esperantista.
Jen, noblaj idealoj kaj bonfaroj
laŭ ambicio de kleriĝ' persista.

Kapablis vi samideani saĝe
tra longa vivo je labor' konstanta,
kaj, tial, nun bildiĝas plenomaĝe
nova juneco, ho! jubileanta.

Modele brilas iu verda stelo
sur via brust', kiel insigno ora:
magnet' potenca por sublima celo
al amikec' gastama kaj tutkora.

Neniam ni forgesos vin, amiko,
vi civitano de la simpati'.
Ne mankas, certe, unu sola briko
en rev-kastel' kiun masonis vi.

Fratece kara! Ni kun ĝoj' profunda
manpremas vin, dirante "Ĝis revido!".
Kaj ni deziras ankaŭ, ke fekunda
vivad' ĉe vi, pleniĝu je memfido,
plue kaj longe, kaj kun ĝuonrido.

Gabriel MORA i ARANA



 

Granda scivolemo ekzistis por aŭskulti la disertacion de nia prestiĝa samideano, S-ro Alfonso Escamilla Roa, Nacia Instruisto, kies laboro favore al Esperanto, bone fruktiĝas en granda nombro da lernantoj de la internacia lingvo. Tial, antaŭ ol batis la anoncita horo, la granda salono de la Sindikata Domo estis plenplena.

Sur la podio, granda portreto de D-ro Zamenhof prezidis la aranĝon.

Per flua kaj konvinka esprimmaniero, S-ro Escamilla Roa komencis sian disertacion dirante ke nun, kiam tiom oni parolas pri Paco kaj pri tiu Nova Mandato de Kristo, pri la Amo; nun, kiam tiom, oni laboras por instrui, por helpi la evoluon de popoloj kaj nacioj, li konsideris oportuna la momento por paroli al ili pri instrumento, kiu en plej efektiva maniero povas helpi la homaron por atingi tiujn celojn.

Post historia prezentado ek de la biblia epopeo de la lingva konfuzo en Babel ĝis la apero de la unua serioza lingvo Volapük, kiu ne sukcesis, kaj posta apero de tiu lingvo logika kaj simpla —sed tamen vera majstroverko—, nomata Esperanto, la oratoro prezentis klare kaj reale la biografian portreton de D-ro Zamenhof, por tuj eniri en la kernon de la prelego: analizado de Esperanto, vera instrumento por plej bone atingi tiun pacon kaj interhoman amon pri kiu nuntempe oni tiom parolas.

Per analizo de ĝia meĥanismo, sekvis praktika demonstracio pri la simpleco de la lernado de Esperanto. La preleganto montris kiel Esperanto estas vivanta lingvo, fleksebla, kapabla por esprimi ĉies ideonuancojn, neŭtrala, facile lernebla kaj same prononcata de ĉiuj. Tuj sekve, nia samideano parolis pri la rapida diskonigo de Esperanto tra la tuta mondo, pri la Universalaj Kongresoj, pri la diversaj atingoj de kiam la UNESCO rekonis la grandan valoron de Esperanto.

Dum la parolado, li prezentis opiniojn de filozofoj, verkistoj, ŝtatistoj, papoj, sciencistoj, filologoj... pri la Internacia Lingvo.

Okaze de la Internacia Jaro pri Edukado, li klarigis la edukan valoron de Esperanto, kies scio faciligas la konon de la diversaj lingvoj.

Por la fino, li parolis pri la bezono de komuna lingvo por faciligi la rilatojn inter personoj de malsamaj lingvoj, kaj prezentis Esperanton kiel nuran solvon pro ĝia simpleco kaj neŭtraleco, kiuj plene favoras ĝian starigon kiel internacian lingvon.

Tondra aplaŭdado premiis la brilan disertacion de S-ro Escamilla Roa, kiu multajn gratulojn ricevis kaj al kiu mi kore dankas pro la bela, interesa leciono per kiu li regalis nin.

ĈEESTANTO

---

Por la unua fojo en la historio de Esperanto aperas artisma versio de fama hispana poemaro.

Sub la marko "Stafeto", serio "Beletraj Kajeroj", kaj en traduko de Fernando de Diego ĵus eliris la genia verko de Federico García Lorca.

## CIGANA ROMANCARO

En la antaŭparolo, verkita de la poeto kaj akademiano William Alud, li diras interalie: "Post Ŝekspiro, Bodlero, Hajno, jen la esperanta (kaj apenaŭ esperita!) Lorca: triumfo de la Internacia Lingvo!"

Ĉiu hispana esperantisto salutu kun ĝojo la aperon de ĉi tiu eventa libro, kaj akiru ĝin kiel nemalhaveblan volumon de sia biblioteko!

Por mendoj, turnu vin al la Libroservo de HEF: Paseo Marina Moreno, número 35, 4.º dcha. Zaragoza. Prezo: 140 ptoj.

# PRI TRADUK-ARTO

Sendube ne malmultaj freŝ-bakitaj esperantistoj literaturemaj provos sian lingvan kapablon kun la deziro partopreni en la traduka konkurso organizita de *Fonduso Esperanto,* kaj kies premioj kaj regularo aperis en la numero de marto-aprilo de "Boletín". La traduka peco "La fiesta" de la jam klasika hispana aŭtoro *Azorín* publikiĝis en la lasta numero de nia revuo.

Al tiuj novaj amikoj, kiuj klopodos trabati al si sukcesan vojon sur la malfacilan terenon de la traduk-arto, mi dezirus rekomendi la atentan, antaŭan trastudon de du verkoj plenaj de klaraj instruoj kaj utilaj sugestoj: *Esperanta mozaiko* kaj *Ne tiel, sed tiel ĉi!*, de F. Faulhaber.

Traduki estas ne meĥanika laboro, ia laŭvorta redono de originala teksto, sed tasko, kiu postulas tempon kaj eksterordinaran laboron. Oni legu kaj pripensu la aŭtoritatajn vortojn, per kiuj F. Faulhaber komencas sian *Esperanta mozaiko*:

"Traduki estas laŭ Plena Vortaro: 'transigi iun tekston aŭ konversacion de iu lingvo en alian, anstataŭigante vortojn kaj esprimojn de la unua lingvo per samspecaj vortoj aŭ esprimoj de la alia: *traduki el la angla lingvo en la italan; traduki francan novelon esperanten'.*

"Kvankam ĝusta, ĉi tiu klarigo ne tute kontentigas min, ĉar ĝi impresas, kvazaŭ tradukado estus tre facila afero: kio ja ŝajnas pli facila ol "anstataŭigi vortojn kaj esprimojn de la unua lingvo per samspecaj vortoj aŭ esprimoj de la alia?" La klarigo memorigas min pri la konata ŝerco pri la skulptarto: 'oni el la ŝtono forhaku ĉion malnecesan, ĝis fine restos la statuo". Tamen ambaŭ artoj postulas multe pli. Jes, ankaŭ tradukado estas *arto!* Tradukado ofte starigas nin antaŭ lingvajn malfacilaĵojn, kiujn ni en originala verkado povas eviti kaj ofte nekonscie evitas. Originalaj aŭtoroj esperantaj plej ofte uzas lingvon simplan. Tial pravas Kabe, dirante: "Mi kredas, ke la lingvo profitas pli multe per tradukado ol per libera verkado. La originala verkisto ĉiam povas iel 'eltiri sin'; li simple ne uzos malfacilajn esprimojn aŭ aliajn donos."

"Efektive, la originala verkanto —kiom ajn sperta esperantisto li estas— ordinare esprimas sin pli simple, pli facile ol tradukanto, tamen ne nepre kun la intenco 'eltiri sin', t. e. ĉirkaŭiri la malfacilaĵojn, kiel oni eble konkludos el la vortoj de Kabe, sed nekonscie, nur pro tio, ke Esperanto ankoraŭ ne tiom enradikiĝis en lia spirito, kiom la gepatra lingvo, kun kiu li intimas jam de sia infanaĝo kaj kiun li uzas ĉiutage de vekiĝo ĝis ekdormo. La tradukanto, kontraŭe, ja ofte haltas antaŭ malfacilaj esprimoj, kiujn fidele traduki li konsideras sia alta devo, kaj kiun li do ne volas, kaj ofte eĉ ne povas ĉirkaŭiri por ne malutili al la dezirata rezultato. Li do meditas, cerbumas, serĉas, rompas al si la kapon, ĝis li fine estos trovinta kontentigan ekvivalenton, per kiu li —eble— kontribuos al la evoluo de Esperanto.

"La originala verkisto ordinare ne konas tiujn zorgojn. Ekzistas esceptoj, kiuj ja de nememoreblaj tempoj havas la taskon konfirmi regulojn. Du tiajn esceptojn mi volas mencii, nome Reto Rosetti pro lia "El la maniko" kaj Cezaro Rosetti pro lia "Kredu min, sinjorino!", en kiuj verkoj ili ne evitis tiajn malfacilaĵojn, sed sukcese frontis ilin, donante naturan ĉiutagan lingvaĵon.

*Kiel tajloro*

"La laboron de tradukanto oni povas kompari kun la laboro de tajloro, kiu devas transformi la kostumon de dikulo por maldikulo, de longulo por mallongulo aŭ inverse. Dum tiu laboro foje restas al li peco de ŝtofo, alifoje la ŝtofo ne sufiĉas, kaj li devas aldoni ŝtofon kiel eble plej similan. Laŭ tio, ĉu oni povas aŭ ne povas rimarki, ke Petro portas la vestojn de Paŭlo, oni povas konstati, ĉu la tajloro bone aŭ malbone faris sian laboron. Same pri tradukado: oni ne povu rimarki tra la traduko la originalan lingvon. Tamen en traduko en kiu ajn lingvo perdiĝas iomete de la originala verko, sed estas arto de la tradukanto —'la tajloro'— zorgi, ke tio ne estu rimarkebla.

*En harmonio kun la temo*

"La tradukanto, same kiel la aŭtoro de la originalaĵo, devas zorgi, ke la lingvaĵo estu en harmonio kun la temo, same kiel muziko, kiu devas akompani filmon, devas esti harmonie ligita al ĝi. Muziko kaj filmo devas formi unu tuton. La muziko ne logu la atenton de la publiko for de la filmo. Tuj kiam la muziko aparte altiras la atenton, la kontakto kun la filmo estas rompita.

"Tiel ankaŭ pri lingvo kaj temo: ambaŭ devas formi unu tuton. Se la aŭtoro aŭ la tradukinto uzis lingvon, kiu pro nekutima, aŭ malfacila stilo aŭ multaj nenecesaj neologismoj kaŭzas al la leganto tro multe da penado, la leganto perdas la kontakton kun la temo, ĉar li devas relegi la tekston, konsulti la vortaron, ktp. Li ne plu ĝuas la enhavon. Ĉiam la enhavo estu la ĉefafero, sed se oni dume povas ĝui lertan lingvo-uzon, tiom pli bone.

*Liberiĝi el sia nacia lingvo*

"Liberiĝi el sia nacia lingvo estas unu el la plej malfacilaj aferoj. Ja sur la 'ardeza tabulo' de nia spirito nia lingvo faris profundajn gratojn, kiuj povas esti videblaj tra la fremdlingva teksto, kiun ni poste skribas sur ĝi. Tradukante aŭ verkante originale, ni devas zorgi, ke nia "grifelo" ne glitu en la gratojn de nia nacia lingvo.

Prof. Cart iam diris: 'Kiam ni tradukas, ni devas ĉiam repensi la tradukotan tekston en Esperanto. Se ne, se nia traduko estas nur laŭvorta esperantigo de la originalo, ĝi fariĝas tute ne komprenebla'.

"Se oni agos laŭ liaj vortoj, oni ne plu skribos nacilingvan tekston per Esperantaj vortoj, sed redonos en Esperanton tion, kion oni vidas antaŭ siaj spiritaj okuloj, legante la originalon. Tial mi ĉiam konsilas, ke oni, antaŭ ol komenci la tradukadon, kelkfoje tralegu la verkon por ekkoni ĝian tutan enhavon.

"Plie la tradukanto ne faru lingvajn akrobataĵojn, kiuj starigas la legantojn antaŭ enigmojn, sed uzu kurantan stilon. Tiun stilon oni povas lerni per legado de niaj plej bonaj verkistoj, precipe de niaj klasikuloj. Plenan perfektecon ni eble neniam atingos, sed ni ne ĉesu celadi al tio!"

*Sukaj esprimoj*

"Renkontante en tradukota teksto sukan esprimon, ni volas kompreneble, traduki ĝin same suka, sed tio ne ĉiam estas ebla. Priskribo de tia esprimo donas nur ombran impreson de la originala senco. Estante seka anstataŭ suka, ĝi ne kontentigas vin. Tiam vi cerbumas, cerbumadas dum longa tempo, sed vane: la solvo ne volas veni. En tiu kazo mi konsilas, provizore ne plu pensi pri ĝi, sed daŭrigi la tradukadon. Eble okazos al vi tio, kio ofte okazas al mi: kvankam mi ĉesigis la cerbumadon pri tia esprimo, la cerbo tamen ne ĉesigis la serĉadon, proksimume do kiel biciclo, kiu, post kiam la biciklanto ĉesigis la pedaladon, pluveturas per sia libera rado."

*La stilo de la originalo*

"Oni ofte diras, ke tradukanto devas konservi la stilon de la aŭtoro. Tamen ne ĉiu aŭtoro havas personan stilon, kelkaj eĉ tute ne havas stilon. Sed se li havas propran stilon, oni provu konservi ĝin, kiom tio estas ebla, t. e. kiam la traduko restas klara kaj bone komprenebla. Tradukinto ne rikoltos laŭdon, se la legantaro pro la persona stilo de la aŭtoro —kiu stilo povas esti klara kaj eĉ admirinda en la originalo— ne aŭ nur pene komprenas lin en lia traduko. La kriterio estu: ĉu oni komprenas la tradukon *same flue,* kiel la originalon? Kaj kompreneble, ankaŭ: ĉu oni komprenas ĝin *inter*nacie?

*Kelkaj pliaj konsiloj*

"Ne estas eble mencii ĉion, kion tradukanto devas atenti por liveri internacie kompreneblan tradukon. Ĉiu originalo ja prezentas novajn problemojn, kaj li neniam povas opinii sin finlerninta sur ĉi tiu tereno.

"Kelkaj pliaj konsiloj povas utili al li:

"Se vi volas lerni ĉi tiun malfacilan laboron, vi unue bone posedu du lingvojn, nome la lingvon, *el* kiu, kaj la lingvon *en* kiun vi volas traduki.

"Elektu verkon, pri kiu vi interesiĝas, kaj kies enhavon vi bone komprenas, ĉar tiam vi akiros la necesan stimulon por persisti kaj la forton por venki la malfacilaĵojn.

"Kiam vi fintradukis la libron, broŝuron aŭ artikolon, vi kaŝu vian tradukon por kelkaj monatoj. Necesas, ke vi perdu la kontakton kun la originala teksto, ĉar komence vi eble legis *tra* la traduko la originalon, kaj vi ankoraŭ ne bone povas prijuĝi la kompreneblecon, la stilon kaj la bonsonecon de via verko. Via spirito estas ankoraŭ tre ligita al la nacilingva teksto.

"Post —ni diru— 3 monatoj vi relegu la tradukon, kaj, ne plu havante la originalan tekston antaŭ la okuloj, ĉar vi ĝin grandparte forgesis, vi povas pli bone prijuĝi ĝin.

"Legu *voĉe*, ĉar voĉe legante, oni povas pli bone konstati eventualajn malglataĵojn, ne tuj kompreneblajn partojn, malagrable *interpuŝiĝantajn sonojn* —ĉion, kion vi antaŭe ne rimarkis.

"Denove kaŝu ĝin kaj poste denove ĝin tralegu, sed nun ne kiel vian propran verkon, sed kvazaŭ verkon de alia persono, prefere de malamiko (se vi havas), eble vi trovos erarojn, kiujn 'tiu stultulo' faris!

"Kaj fine sendu ĝin al alinacia esperantisto, kiu prijuĝu, ĉu ĝi estas *internacie* komprenebla. Kaj se tiu persono trovos neklaraĵon, vi sendiskute ŝanĝu tion, ĉar vi ja volas, ke via traduko estu internacie komprenebla! Do, se montriĝas, ke ne estas tiel... Eble vi bedaŭros, ke vi devas ŝanĝi belan, bone poluritan frazon, sed kian utilon havas bela frazo, se ĝi estas malbone aŭ eĉ tute mise komprenebla?

"Kaj fine, kiam vi trovis eldoniston kaj korektis du aŭ tri presprovaĵojn, kaj finfine via verko aperis presita —eĉ tiam estas eble, ke malferminte la libron, vi sulkigas la frunton, tial ke sur la unua paĝo vi trovas presan aŭ gramatikan eraron, kiun vi kelkfoje pretervidis! Bedaŭrinde! Sed pripensu, ke neniu homo estas perfekta! Nederlanda profesoro iam diris, ke "perfekta homo ne ekzistas, kaj se li ekzistus, li estus netolerebla estulo". Efektive, ĉar tia homo daŭre memorigus nin pria nia propra neperfekteco! Feliĉe vi povas konsoli vin per la penso, ke eĉ konataj lingvistoj iufoje ekglitas. Tial ni kritiku milde, konscie pri tio, ke 'erari estas home' kaj ke 'kritiki estas facile, sed fari —malfacile', kaj ke oni neniam estas tro maljuna por lerni kaj neniam tro klera por lerni plue. Kiam, ekzemple, 10 jarojn post la eldono, vi denove prenos vian tradukon aŭ originalon en la manojn kaj ĝin tralegos, vi tre verŝajne ripetos la vortojn, kiujn nia saĝa D-ro Zamenhof diris en la antaŭparolo al la 5ª eldono de la Fundamenta Krestomatio:

'Dum la trarigardado mi trovis diversajn esprimojn, kiuj siatempe ŝajnis al mi bonaj, sed kiuj nun ne plaĉas al mi, kaj kiujn mi volonte ŝanĝus...'

"Kaj mi aldonas: "...ne nur pro tio, ke en tiuj 10 jaroj evoluis la lingvo, sed ankaŭ tial, ke en tiu tempo evoluis vi, la aŭtoro, la tradukinto!"

*Finaj vortoj*

Vi, entuziasma, nova —aŭ ne tiel nova— esperantisto, kiu deziras provi vian forton en la kampo de la tradukado, ne seniluziiĝu leginte la saĝajn parolojn kaj konsilojn de F. Faulhaber. La afero efektive ne estas tiel facila, kiel ĝi unuavide prezentiĝas. Sed insistu, provu re kaj re. Se vi havas entuziasmon kaj diligenton, vi do posedas ĉion necesan por triumfi, irante paŝon post paŝo kaj ŝtupon post ŝtupo.

La hispana Esperanta movado bezonegas aron da kapablaj tradukantoj, kiuj laboru ne diletante sed *artisme* por redoni en Esperanton la fabelan trezoron de la hispana beletro, ĝis nun tre sporade kaj tre rakite prezentitan al la internacia publiko.

La traduko de 'La fiesta' estu via unua firma paŝo al la atingo de la superaj pintoj: Cervantes, Lope de Vega, Galdós, Baroja, Juan Ramón Jiménez... La nova generacio de esperantistoj faru al si la decidon superi kvante kaj kvalite la beletran laboron de la unuaj pioniroj!

F. de Diego

## BALANCE DE CUENTAS CORRESPONDIENTE AL 31 DE DICIEMBRE DE 1970

---

*ACTIVO*

| | |
|---|---|
| Existencia en Caja en 31 de diciembre de 1969 ... ... ... ... ... | 4.030,— |
| Cotizaciones y Donativos ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... | 97.860,20 |
| Cotizaciones Extranjeros ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... | 1.320,— |
| Superávit del XXX Congreso de Mieres . ... ... ... ... ... ... ... | 271,70 |
| Total ACTIVO ... ... ... ... ... ... ... ... ... | 103.481,90 |

*PASIVO*

| | |
|---|---|
| BOLETIN | |
| Composición e impresión ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... | 77.671,25 |
| Sobres y sellos . ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... | 1.328,90 |
| Gratificación al Director ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... | 1.000,— |
| Donativo Campaña de Navidad ... ... ... ... ... ... ... ... ... | 250,— |
| Reembolsos y otros gastos propios de los mismos ... ... ... | 3.232,20 |
| Cuota de U. E. A. ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... | 3.920,— |
| Subscripciones a Revistas ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... | 775,— |
| Material Escritorio ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... | 4.097,75 |
| Gastos Correo ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... | 1.017,10 |
| Gastos Propaganda, mat, adquirido Libro Servo y Eldona Fako. | 8.582,— |
| Gastos impresión y envío circulares a los Sres. Socios ... ... ... | 1.500,— |
| Total PASIVO ... ... ... ... ... ... ... ... ... | 103.374,20 |

### RESUMEN

| | |
|---|---|
| Suma el ACTIVO ... ... ... ... ... ... ... | 103.481,90 |
| Suma el PASIVO ... ... ... ... ... ... ... | 103.374,20 |
| Saldo ACTIVO S. E. u O. ... | 107,70 |

V.º B.º:
EL PRESIDENTE DE LA FEDERACION,
*Angel Figuerola*

Madrid, 31 de diciembre de 1970.
EL TESORERO,
*Raimundo Ibáñez*

---

NOTA. — Existen dos Cuentas Especiales:

| | |
|---|---|
| 1.ª Subvención del Ministerio de Educación y Ciencia, destinada al establecimiento de una Secretaría —neto—. | 98.000,— |
| 2.ª Fondo para adquisición Local Propio ... ... ... ... ... ... | 44.500,— |

## ✱ *Ni legis por vi...*

LA TEMPESTO, de William Shakespeare. El la angla verse tradukita, kun Postparolo kaj Komentaro, de Kalman Kalocsay. Kovrilo de Jan Schaap Jr. Stafeto: Beletraj Kajeroj, 40. J. Régulo, eldonisto. La Laguna. Tenerifo. 12 × 18,5 cm. 120 paĝoj. Prezo: 140 ptoj.

Kiam en la jaro 1966a Kalocsay publikigis sian tradukon de *Reĝo Lear,* li skribis en la Postparolo: *Mi klopodis fari la tradukon laŭeble fidele kaj konservi ankaŭ stil-apartaĵojn, eĉ idiotismojn, do ne la ŝekspiran lingvon laŭeble simpligi, sed la Esperantan tekston laŭeble ŝekspirigi.*

Siatempaj recenzoj tutmondaj unuanime rekonis la sukceson de Kalocsay en la artisma redono de la specialaj nuancoj de la angla klasikaĵo, kaj la saman reagon vekis lia posta traduko el Ŝekspiro: *Somermeznokta sonĝo.*

*La tempesto,* "probablege mia lasta traduko el Shakespeare, kiel ajn malfacile, se ne diri dolore estas forŝiriĝi el la ŝekspira mondo" montras kiajn nesupereblajn pintojn de esprimivo povas atingi nia lingvo, kiam talentulo scias ĝisfunde ekspluati ĝiajn grandajn latentojn.

Ĉiu teksto tradukata, eĉ la plej simpla, prezentas amason da malfaciloj. Oni devas en senĉesa ekvilibro teni sin plej fidele al la spirito kaj al la formo de la verko, mezuri la signifon kaj la vaston de ĉiu vorto kaj ĉiu esprimo, kaj ilin transplanti sen perdo de freŝo kaj suko al nova grundo, ke ili tie vivoplene enradikiĝu. Sed, kiam oni tradukas el la ŝekspira lingvo —ĉar la ŝekspira formas specon de aparta mondo en la sfero de la angla lingvo— la malfaciloj prezentas preskaŭ netransireblan obstaklon. Ĉiu verso defendas sian belon, sian intimon, per ĉiuspecaj dornoj, kaj la tradukanto devas nudmane penetri ĝis la kerno spite al pikoj kaj ŝiroj.

En *La tempesto* Kalocsay sukcesas eminente, same kiel antaŭe en *Reĝo Lear* kaj en *Somermeznokta sonĝo.* Tiel eminente, ke lia versio estos ne nur profunde plezuriga legaĵo por ĉiuj, kiuj amas Esperanton, sed mino, kie nepre devos fosi niaj gramatikistoj, vortaristoj, poetoj kaj esperantologoj, ĉar, krom tio, ke li donis al ni perfektan tradukon de la originalo, Kalocsay faris tion uzante lingvon fabele riĉan, ne tiom rilate la vort-provizon, kiom rilate la sintakson, la frazeologion kaj la stilon.

Jen, por ekzemplo, en la paĝo 33a (Sed oni povus same citi la tutan libron!)

Siro, eble
li vivas. Mi lin vidis, dum li batis
sub si la ondojn, rajdis ties dorson,
tretis la akvon, flankenfrapis ties
atakojn, brustis la plej ŝvelajn
ŝaŭmkrestojn renkontatajn. Lia kapo
aŭdaca el la ondoj batalemaj
leviĝis venke, kaj, per bravaj brakoj,
batante gaje, al la bord' li remis
kaj tiu sian ond-ronĝitan bazon.
alfleksis, kvazaŭ por lin helpi. Viva
li bordis, mi ne dubas.

Kaj en la paĝo 49a:

Prefere la tendenoj disŝiriĝu,
la spin' al mi rompiĝu, ol ke vi
devu en tian malhonoron sinki,
dum mi ĉe-sidas pigre.

Kaj en la paĝo 55a:

Li mem ŝin nomas sensimila. Mi
ne vidis ĝis nun krom patrin' Sycorax
kaj ŝi virinon, sed per bel' ŝi tiom
superas la patrinon, kiom plejo
malplejon.

Kia lingvo mirinde klara, supla, samtempe densa kaj konciza, riĉa je elvokivaj bildoj kaj je trafaj parolturnoj! Nur en la paĝo 24a mi trovis ion laman:

... Estis bone
do fermi laŭ merit' vin en ĉi roko,
kiu meritas ja pli ol karceron.

Ŝajnas, ke *kiu* devas stari tuj apud *vin* aŭ ke oni devus anstataŭigi ĝin per *ĉar vi.*

En la paĝo 70a:

Je tio, kiel rajdi nedresitaj
ĉevaloj, pintiginte la orelojn,
palpebrostreĉe, nazlobleve ili
flaris pli la muzik'.

*Rajdi* ĉi tie ŝajnas plum— aŭ preseraro anstataŭ *rajdataj* aŭ *rajdotaj.*

Tiel *La tempesto* —kiu ne legis ankoraŭ ĉi tiun rakonton pri la fea insulo de Prospero?— enviciĝas inter la ĉefaj atutoj de nia lingvo kaj brilos por eterne en nia literaturo.

F. de Diego

BONA ŜANCO. DEK DU PRELEGOJ PRI LA INTERNACIA LINGVO KAJ LA SOCIAJ SCIENCOJ, de D-ro Werner Bormann. Prologo de Ernesto Sonnenfeld. Kovrilo de Jan Schaap Jr. Stafeto: Movado, 5. J. Régulo, eldonisto. La Laguna. Tenerifo. 15,5 × 22 cm. 247 paĝoj. Prezo: 252 ptoj.

Inter ni, esperantistoj, ĉi tiu libro havas eksterordinaran valoron. En la rapide ŝanĝiĝantaj perspektivoj de nia mondo ŝajnas kelkfoje, ke la rolo de Esperanto ne trovas la premisojn necesajn, por ke ĝi fine plenumu sian gra-

vegan funkcion socian. Oni vole nevole pensas kelkfoje, ke la ŝancoj de Esperanto kuŝas en ia futuro pli proksima al la fikcio ol al la realo. Tiam oni legu kaj relegu ĉi tiun trezoran libron.

Ĝia aŭtoro, d-ro Werner Bormann, docento por Esperanto en la universitato de Hamburgo, per dek du penetraj prelegoj parolas interalie pri la situacio kaj ŝancoj de Esperanto en la nuna fazo de evoluo, pri la ebloj de la Esperanta movado, pri la scienca pritraktado de nia lingvo, pri homaj rajtoj kaj lingva diskriminacio...

La titolo de la libro respondas per si mem kaj respondas optimisme: *Bona ŝanco*. D-ro Bormann venis al tiu konkludo post sagaca analizo de ĉiuj aspektoj sociaj kaj sciencaj, kiuj pro la premo de jam antaŭvideblaj cirkonstancoj, devos trakti kaj poste studi kaj akcepti la solvon de Esperanto en la kampo de la interlingvistiko.

La libro estas flu-riĉa fonto de argumentoj *modernaj*, se tiel diri, prezentendaj en nia moderna mondo. Nia lingvo maturiĝas, tenas la paŝon kun la rapida evoluo de la sociaj kaj teknikaj strukturoj. Ŝajnas tamen, ke ĝis nun nia propagando iom tro obstinis uzi ankoraŭ malnovajn, kadukiĝintajn kliŝojn, kiuj, sendube pozitivaj iame, ne evoluis nek ŝanĝiĝis por akomodiĝi al la nova situacio.

D-ro Bormann per *Bona ŝanco* plenumas trioble pozitivan funkcion: plifirmigas nian esperantistecon, donas al ni efikajn direktivojn de agado kaj metas en nian manon efikan instrumenton por prezenti *hodiaŭajn* argumentojn por Esperanto al la mondo de *hodiaŭ*.

F. de Diego

ESTIĜO DE LA TERO KAJ DE LA HOMO, de Leander Tell. Popularscienca eseo. Antaŭparolo de Carl Stop-Bowitz. Kovrilo de Jan Schaap Jr. Stafeto: Beletraj Kajeroj, 38. J. Régulo, eldonisto. La Laguna. Tenerifo. 12 × 18,5 cm. 124 (108 plus 16 bildaj) paĝoj. Prezo: 140 ptoj.

Sciencaj kaj popularsciencaj verkoj bedaŭrinde ne abundas en Esperanto. Kaj tamen necesas prilabori kaj riĉigi nian provizon de sciencaj kaj teknikaj terminoj, ĉar ĝuste en la tekniko kaj la scienco Esperanto havas speciale promesan kampon de agado, kie, malgraŭ ĉio, nia lingvo jam montris sian valoron: almenaŭ du libroj popularsciencaj, *Fine mi komprenas la radion!* de Aisberg, en la tridekaj jaroj, kaj laste *Vivo de la plantoj* de Neergaard tiel sukcesis, ke oni tradukis ilin en diversajn naciajn lingvojn.

Por pli ŝtopi ankoraŭ tiun breĉon, la eldonisto J. Régulo publikigas de tempo al tempo verkojn de scienca karaktero, kaj tial li ĵus aperigis ĉi tiun belan libron, kiu en simpla maniero traktas pri la evoluo de la terglobo kaj pri la estiĝo de la homo mem kaj de lia kulturo. La libro ne konsistas el sekaj priskriboj kaj analizoj de faktoj. Leander Tell, kies *La bela subtera mondo* aperis sub la marko *Stafeto* en 1959, rigardas la homon kaj la direkton de lia evoluo kun humaneca alarmo.

"...tiu malgranda estaĵo, la homo... kuraĝe ĉion venkis. La grava demando nun estas, ĉu li ankoraŭ estos kapabla eviti la mortigantajn katastrofojn, kiujn li mem teĥnike elpensis."

La libro do instruas kaj samtempe meditigas.

F. de Diego

PRI INTERNACIA LINGVO DUM JARCENTOJ. — Kompilis Isaj Dratwer. Centro de Esploro kaj Dokumentado. 1970. (Provizora ekstervica eldono), 141 paĝoj. Prezo: 120 ptoj.

Nia eminenta samideano Mag. Isaj Dratwer, kun kiu mi konatiĝis persone dum nia U.K. en Madrid, efektivigis nekutiman laboron: Li kolektis la opiniojn de filozofoj, verkistoj, sciencistoj, filologoj, papoj, ŝtatistoj... pri Internacia Lingvo.

Kiom da leteroj al ĉiu mondparto, kiom da konsultoj al kompetentaj samideanoj li devis fari? Tiel profunde li esploris, ke laŭ la Biblio jam 700 jarojn antaŭ nia epoko oni proklamis la aperon de la "purigita" komuna lingvo. (paĝoj 11)

Evidentiĝas el la tuta libro, ke ia komuna, helpa, internacia rimedo aŭ lingvo por interkompreniĝo incitis ĉiam la pensulojn; sed la vojo al laŭnatura solvo, montriĝis malfacile perceptebla, nedifinebla: Oni pensis ciferojn, muziknotojn kaj aliajn "raciaĵojn". Tamen, estas tre kurioze, ke jam antaŭ pli ol 140 jaroj, la dana lingvisto Ramus Kristian Rask (1787-1832) donis tiel "esperantajn" regulojn por kreo de ĝenerala lingvo! (paĝoj 90) kiam oni konsideris ke la kreo de homa lingvo kuŝas ekster la homa povo.

Ĉiu samideano trovos en la valorega kompilaĵo de Isaj Dratwer argumentojn kontraŭ eventualaj oponantoj kaj bazon por plua agado: Niaj antaŭuloj ekplanis la lingvon, kaj al nia epoko apartenas la efektivigo. La esperantistoj ludas en tiu efektivigo pli gravan

rolon ol ili mem opinias. PRI INTERNACIA LINGVO DUM JARCENTOJ estas verko tre simpatia, ĉar grava pro enhavo, bela en sia vesto, korekta en la stilo kaj klara en la teksto. Ĉiu samideano akiru tiun-ĉi valoran libron de Centro de Esploro kaj Dokumentado.

Salvador Gumá

BONVENON AL GOTENBURGO.—Faldformata kaj plurkolora, informa turisma broŝuro pri tiu interesa urbo el Svedujo. Ĉijare, kiam la urbo jubileas pro la 350 datreveno de ĝia fondiĝo, estas bona okazo por viziti ĝin. Petu al la Turisma Oficejo, Parkgatan 2, S-41138 Gotenburgo, Svedujo, tiun interesan broŝuron, per ĝi vi estos bone informitaj. Krom diversaj vidindaĵoj aperas en ĝi interesa mapo kun klarigoj.

SENNACIECA REVUO 1971. — N.º 99. Eld. S.A.T., Prezo: 70 ptoj.

## 56 UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO

Okazonta en Londono de la 31ª, 7 ĝis la 7ª, 8, 1971

Sub la alta Protektado de Lordurbestro de Londono Sir Peter Stuld

Konstanta adreso: Nieuwe Binnenweg 176, Rotterdam - 3002, Nederlando.

El Oficiala Komuniko, nº 8.

*Bonvenon*

Por fruaj alvenontoj la Londona Esperanto-Klubo aranĝos bonvenigan vesperon en la vespero de vendredo, la 30-a de julio. La kluba kunvenejo (adreso: 153 Drummond Street) situas nur kelkajn minutojn for de la kongresejo.

*Skota skolo reaperos ĉe Brita Vespero*

Provizora programo estas preparita por la Brita Vespero, kiu okazos en la impona koncertejo Royal Festival Hall. La plej novaj eroj estas: skotaj popoldancoj kun sakfajfila akompano; deklamado de skota poezio fare de la skota Esperanto-poeto William Auld; deklamado el verkoj de Shakespeare fare de aktoro Nikolaj Rytjkov. La programon prezentos la Esperanta verkisto Reto Rossetti.

*Strat-indikiloj*

"ESPERANTO-KONGRESO" — Laŭ aranĝo kun la aŭtomobilista klubo RAC tiuj vortoj aperos sur pluraj strat-indikiloj en centra Londono. Tio ne nur helpos al la kongresanoj orientiĝi en la urbego sed ankaŭ reklamos la Kongreson antaŭ la publiko. Al aŭtomobilistoj ili tamen ne tre utilos, ĉar estos maleble parki aŭtomobilon ĉe la kongresejo mem.

*Infana kongreseto jam certa sukceso*

La unusemajna internacia Infana Kongreseto jam estas plene mendita, kun 72 infanoj el Britujo, Belgujo, Francujo, FR Germanujo, Italujo, Norvegujo, Hispanujo, Bulgarujo, Nederlando, Svedujo kaj Aŭstrujo. (La pli frue anoncita dua semajno ne okazos.) La infanojn prizorgos same internacia grupo da gvidantoj: el Britujo, Belgujo, Jugoslavio, Nederlando, Japanujo, Italujo, Pollando kaj Hungarujo, sub ĉefa gvido de la prezidanto de ILEI, s-ro Raif Markarian.

*Statistiko* (5.5.1971)

Entute 1635 aliĝintoj el 37 landoj (el Hispanujo 46).

## 57 UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO

Okazonta en Portland (Oregon) de la 29ª, 7 ĝis la 5ª, 8, 1972

Alta Protektanto: Governor Tom McCall, Estro de la ŝtato Oregon

Konstanta adreso: Nieuwe Binnenweg 176, Rotterdam-3002, Nederlando

Unua Bulteno kaj Aliĝilo:

Sespaĝa, grandformata kun multaj fotoj kaj diversaj informoj aperis la Oficiala Bulteno (unua) de la 57-a UK en Portland 1972. Kune kun la aliĝilo ĝi estas senpage ricevebla ĉe la konstanta adreso de la Kongreso.

*Statistiko* (25-a de majo 1971)

Entute 100 personoj el 22 landoj.

1972: LIBRO-JARO

La jaron 1972 proklamis Internacia Libro-Jaro la ĵusa Ĝenerala Konferenco de Unesko. Oni esperas atentigi tutmondan publikon pri la defiaj problemoj tiukampaj. En kelkaj landoj jam abundas, kaj eĉ superabundas, libroj: ilin nur ordigi kaj registri konsistigas konstante preman taskon. Sed temas pri ĝuste tiuj landoj, jam riĉaj, kie abundas ankaŭ aliaj anstataŭaj rimedoj por komunikado kaj instruado (televido, radio, filmoj, ktp). Duono de la verkoj ĉiujare eldonitaj aperas en nur sep landoj (nome, Francujo, Germana Federacia Respubliko, Japanujo, Hispanujo, Sovetunio, la Unuiĝinta Regno, kaj Usono), en kiuj loĝas nur kvinono de la monda loĝantaro. Por la ceteraj kvar kvinonoj malabundas urĝe bezonataj libroj.

La problemoj estas organizaj, leĝaj, financaj: oni devos esplori ĉiajn rimedojn por havigi librojn al tiuj, kiuj avidas ilin, je prezo sufiĉe malalta. Necesas ankaŭ esplori la eblojn plivastigi la bibliotekajn servojn de la mondo. Sed samtempe oni ne rajtas ignori la verkistojn: malaltkosta vendado kaj senpaga pruntado devas ne minaci iliajn justajn postulojn je taŭga enspezo. Alie ili ne povos verki, kaj novaj verkistoj estos netroveblaj: sed ĉiam pli da novaj verkistoj estas nepre bezonataj por forigi de ĉiu monda parto la nunan libro-malsufiĉon.

"Libroj por ĉiuj": jen la slogano por la jaro 1972 — kaj por la estonteco.

ANTAŬ LA ATLANTIKO — KIO?

Nun ŝajnas, ke la orienta bordo de la atlantika oceano estas konsiderinde pli maljuna, ol la okcidenta. Tion konstatis internacia grupo da sciencistoj, kiuj pasintjare kunlaboris en projekto pri marfunda borado inter Portugalujo kaj Porto-Riko.

En sedimento sur la suboceana terkrusto apud okcidenta Afriko ili trovis fosiliojn, kiuj supozigas, ke la sedimento aĝas ĉirkaŭ 110 milionojn da jaroj — do 45 milionojn pli, ol la plej malnova ĝis nun trovita sedimento ĉe la orienta bordo de Usono. Ambaŭ sedimentoj kuŝas rekte sur bazaltaj rokoj, kiuj oni kredas esti la praa suboceana terkrusto. La epokon, en kiu formiĝis tiu krusto, oni rajtas indukti laŭ la aĝo de fosilioj en la tuj supra sedimenta tavolo.

Laŭ nunaj teorioj pri "kontinenta drivo", la aĝo de la suboceana krusto devus esti sama apud la bordoj de Afriko kaj de Ameriko, se — kiel oni kutime supozas — tiuj kontinentoj estis iam ligitaj. Kiel do klarigi la ŝajnan malakordon? Sciencistoj, kiuj partoprenis la projekton, kredas ke iam ekzistis inter la bordoj de Afriko kaj Ameriko malvasta pra-Atlantiko. Laŭ ilia teorio, ĉi tiun praepokan oceanon plivastigis al ĝia nuna grando marfunda fendiĝo, kiu komenciĝis pli probable ĉe la apud-afrika bordo, ol ĉe meza punkto. Ili opinis, ke la praoceanon mem kreis eĉ pli frua krusta fendiĝo en regiono jam delonge kaŝita.

Alia ebleco, kompreneble, estas ke Ameriko kaj Afriko simple neniam tuŝis unu la alian.

SUNLUMO DETRUOS FORĴETITAĴOJN

En ĉiuj landoj industriigitaj, detrui ĉiam pli grandajn kvantojn da forĵetitaj pakumoj fariĝas kreskanta problemo. Sekve oni nun diversloke faras vastajn esplorojn por krei sintezajn pakmaterialojn, kiuj detruiĝos post uzo.

Post sepjara eksperimentado, esploristoj ĉe la Universitato de Toronto (Ontario, Kanado) verŝajne sukcesis efektivigi plaston per lumo detrueblan: ĝi estas taŭga por paki eĉ manĝaĵojn, sed ne povas toleri rektan sunradiadon. Laŭ sciigo de profesoro U. E. Gillet, la nova materialo baziĝas sur polimera sintezaĵo, produktebla jen kiel lameno, jen kiel pakumeroj, kiu malkombiniĝas sub ultraviola radiado.

Car la ultraviolaj radioj en sunlumo plejparte ne povas trapenetri fenestran vitron en domojn kaj butikojn — do en la lokojn, kie oni kutime konservas manĝaĵojn — degeneriĝo komenciĝos nur kiam la pakumo estos forĵetita en rektan sunlumon. Kiel rapide tiam progresos la malkombiniĝo, tio dependas de la speco de la koncernaj polimeroj: la plasto kreita en Toronto estas lameno kiu bezonas unu monaton da radiado. La procezo postlasas nenian fumon, sed simple nur sablecan polvon.

(Laŭ Unesko-novaĵoj kaj Informa Servo de U.E.A.)




# XXXIª Hispana Kongreso de Esperanto

Organizita de H.E.F., okazonta en Alicante
de la 19ª ĝis la 24ª de julio 1971

Akceptejo kaj Kongresejo:
str. Lorenzo Casanova, 4, Sindikata Domo.

## ĜENERALA PROGRAMO

| | | |
|---|---|---|
| Lunde 19: | 18-a horo | Kongresejo malfermita por disdono de dokumentoj, libroservo, ktp. |
| | 20-a | Interkona vespero en la Kongresejo. La Grupo Esperantista de Alicante regalos al la alvenintaj samideanoj per refreŝigaĵoj. |
| Marde 20: | 10-a | Meso en Esperanto, kun kantoj kaj prediko en la Katedralo. |
| | 11,30-a | Solena inaŭguro de la Kongreso. |
| | 13-a | La kongresanoj lokos laŭro-kronon sur la memortabulo de la strato "Vicente Inglada" honorante tiel la elstaran alikantan esperantiston. Tuj poste okazos la oficiala fotografado de la ĉeestantaro. |
| | 17-a | Laborkunsido de la Estraro de H.E.F., kun la Delegitoj de Grupoj en la Kongresejo. En aliaj ĉambroj de la sama domo, fakaj kunvenoj. |
| | 19-a | Prelego en Esperanto de D-ro Rafael Herrero Arroyo, en la Kongresejo. |
| | 20,30-a | Promenado en boato tra la haveno. |
| | 23-a | Invito de la Magistrato al "Festivales de España". |
| Merkrede 21: Junulara tago | 10-a | Kunveno de Delegitoj por aŭskulti al la Estraro de H.E.J.S. cele helpi al la esperantista junularo. |
| | 11-a | Ekskurso al Benidorm. |
| | 13-a | Inaŭguro de la strato "Esperanto". La Urbestro de Benidorm malkovros la memortabulon. |
| | 17-a | La Magistrato de Benidorm regalos al la kongresanoj per kampara festo, en kiu la junaj geesperantistoj toreos malgrandajn bovidojn. |
| | 23-a | Balo en Alicante, precipe por la junularo. Elekto de F-ino ESPERANTO. |
| Jaŭde 22: | 10-a | Ĝenerala Kunveno de H.E.F. |
| | 12-a | Libervola vizito al la Arkeologia Muzeo en la Palaco de la Provinca Deputitaro. |
| | 13-a | Honorvino en la "Club de Regatas" per kiu la alikantaj Aŭtoritatuloj regalos la Kongreson. |
| | 17-a | Ekskurso al Elche kaj vizito al ĝia parko kaj palmaroj. |
| | 20-a | Koncerto de la Urba Muzikistaro en la "Explanada". |
| Vendrede 23: | 10-a | Ekzamenoj en la Kongresejo. Klarigo de Lingvaj demandoj. |
| | 11,30-a | Prelego en hispana lingvo de D-ro Fernando de la Puente. |
| | 17-a | Ekskurso al lumigitaj kavernoj de Canalobre. Poste, oni daŭrigos al Jijona, kie la kongresanoj vizitos fabrikon de nugatoj kaj gustumos ilin. En sama loko, folkloraj baloj. |
| | 23-a | Prezentado de filmoj en Esperanto. |
| Sabate 24: | 10-a | Kunordiga kunsido en la Kongresejo. |
| | 11,30-a | Solena fermo de la Kongreso. Libera vespero. |
| | 22-a | Oficiala bankedo en restoracio de Kastelo "Santa Bárbara". Prezentado de "Tablao Flamenco" en sama loko. |

TIP. C. BOLOIX.-REINA FABIOLA, 7.-ZARAGOZA

D. L. Z. - 375 - 63